XXXIV-a Jaro — N-ro 459 (5) — 15 Marto 1938

# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio

## Esperantista Libertempo

### en lando libereca, en koro de Svislando

Ĉiujare la esperantistoj kunvenas en internacia kongreso. Komence, tiu-ĉi manifestacio havis karakteron kvazaŭ de parlamento, kiu decidas agadon. La kresko de la movado kaj la pligraviĝo de la postuloj forprenis al la universala kongreso tiun-ĉi povon *decidi!* Sed ĝi restas la unika okazo renkontiĝi kun gesamideanoj alilandaj kaj ĉerpi el la amikeca atmosfero de tia efektive supernacia kunveno, ĝojon kaj konvinkon. Kun la samtempa ebleco konatiĝi kun lando kaj popolo de l'kongresurbo.

Sed nur malmultaj, kompare al la nombro de l'ekzistantaj esperantistoj, vizitas kongreson. Ja ne plu estas *unu* kongreso esperantista, okazas ja pluraj, eĉ ne atentante la naciajn kongresojn. Por multaj esperantistoj, la vizito de universala kongreso estas kaj restas neeblaĵo. Aliaj, jam vizitintaj



unu, aŭ eĉ plurajn, konas ĝin. Iuj ne ŝatas longan kaj multekostan vojaĝon, kiu forprenas la multe valoran tempon por ripozi. Universala kongreso okazas dum la libertempa sezono kaj por ne malmultaj samideanoj, ĝia vizito estas ega streĉo, anstataŭ ripozo.

Pasigi libertempon kun esperantistoj en agrabla ĉirkaŭaĵo. Tio estas la origina ideo de l' *Libertempejo esperantista*, kreita de UEA de ĝia fondiĝo kaj kelkfoje efektivigita dum la postmilita epoko.

Konsiderante favorajn faktorojn nunajn, la Komitato de UEA decidis organizi Esperantistan Libertempadon dum Aŭgusto 1938. Preciza dato estas konigata pli poste. La loko de l' Libertempejo estas en unu el la plej ĉarmaj regionoj svisaj, kie kuniĝas natura grandiozeco kun memoraĵoj de historiaj okazaĵoj. Estas

## Brunnen

### ĉe la Lago de Kvar Kantonoj, la lulilo de l'svisa konfederacio

*La lago ridetas al ban' invitante*
*Knabet' endormiĝis ĉe bordo kuŝante;*
*Jen sonas kantado*
*Dolĉega al' li,*
*Do kiel anĝela*
*Ĉielharmoni'*
*Kaj ekvekiĝante pro ĝojo, ho, jen*
*La akvoj ĝis brusto jam lin ĉirkaŭpren',*
*Kaj voĉo eksonas :*
*« Nun estu al mi,*
*Dormanta knabeto,*
*Jen ĉielo por vi ! »*

*Schiller : Wilhelm Tell.*



La loko elektita por la « Esperantista Libertempejo », *Brunnen*, estas ideale situata provizita je ĉiuj avantaĝoj de bona restadejo kaj kun ĉiuj eblecoj de distrado kaj sporto.

Fervoja stacio de l' Gothardlinio.

Grava estas por ĉiu la kosto. Svislando pro ĝia alta vivnivelo ja *estis* iam multekosta tero, por fremdulo. Sed ne plus *estas* dank' al efektivigo de novaj ideoj en turismo. Kaj tio helpas nin, inviti esperantistojn, pasigi dum somero 1938 la libertempon en Svislando je favoraj kondiĉoj, en rava regiono inter samideanoj ĉiulandaj.

## Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Post la 12-a de Marto 1938

**Por rememorigi — 1936-1938 — La situacio**

## Por rememorigi

Responde al nia artikolo en pasinta numero de ESPERANTO sub **Ombro sur la « Nova Vojo »**, S-ro Kortega konsilisto Steiner, dediĉis al ni tiun-ĉi respondon :

**« Esperanto-Genève »** skribas sub « Por memorigi » : « ...Kaj nun, ĉu iu ankoraŭ dubas pri la nova vojo, kiun iras la Aŭstria ŝtato ? Kaj la ekzemplo de E. en la Tria Regno ja sufiĉe indikas kien iros la movado en lando samdirektigita aŭ niveligita ».

(Kaj S-ro Steiner daŭrigas).

Ni nur deziras konstati la fakton, ne kontraŭparoli « Esperanto-n ». Ni iris al la kompetenta oficiala instanco kaj petis la de ni en la afero publikigotan tekston. Jen : « Laŭ la interkonsento de Berchtesgaden kaj la direktivoj de kanceliero kaj gvidanto d-ro Schuschnigg Aŭstrio restos sendependa ŝtato, en kies internajn aferojn Germana Regno ne enmiksiĝos. Kiel d-ro Schuschnigg jam de komenco intencis, nun ĉiuj aŭstrianoj havos la okazon kunlabori en la sola politika instanco. « Patriota Fronto », kiu iros sur d-ro Dollfuss-vojo. Per tio la internaj luktadoj estu elŝaltotaj. Pri « samdirektigo aŭ niveligo » kun la dua germana ŝtato ne povas esti parolata ».

---

Tio ĉi aperis en « Aŭstria Esperantisto », 10 Marto 1938, ricevitan tie-ĉi la 12 an. Sed kiom da historia okazaĵo inter tiuj du tagoj ? Ni neniel intencas vundi ies sentojn ; sed tian absolutan foreston de politika flarsento oni nur povas bedaŭri.

La artikolo en pasinta numero estis skribita sub la impreso de l'okazintaĵoj en Berchtesgaden (la 12-an de Februaro). Al la solidaj kaj sonantaj argumentoj de l' germana Führer, kontraŭstaris papera plebiscito ! La fino de l' sendependeco aŭstria ja komencis jam en 1934. Kaj nur politikaj blinduloj nenion vidis.

La volo de granda plimulto de l' Aŭstria popolo estis por la « Anschluss », kio ne estis idee identa de l' anekso pura kaj simpla kiel ĝi nun okazis per la Tria Regno. La pac kontrakto 1919 kreis ŝtaton, kies anoj ĉiam strabis sopire al Germanujo. Ke multaj aŭstrianoj ne simpatias kun la germana reĝimo de 1933 estas fakto, kiu ne nuligis ardan deziron « reveni al la imperio ».

## 1936-1938

Kiam en Marto 1936 la ĝenevaj membroj de UEA protestis pro neleĝa fordonaco de la havaĵoj de UEA, la plendskribo enhavis interalie la jenon :

*La transporto en Aŭstrion de la Biblioteko de UEA estas tiom malpli konsilinda, ke tiu ĉi lando troviĝos en tre malmulta tempo sub reĝimo nacisocialista, malamiko deklarita al ĉiu internacia helplingvo. La biblioteko riskos esti detruata.*

(*Tradukita el franca lingvo, paĝo 13 de la rajtpeto : Marto 1936*).

Kiu iom okservis la evoluon de l' situacio en Aŭstrio, kiu, ne nur vizitis esperantistajn grupojn, sed ankaŭ atentis pri la tagaj okazintaĵoj, facile povis konkludi kien iras la vojo. Kontraŭ la dinamiko de tia naciisma movado nenio kontraŭstaros ... ol simila forto !

S-ro Steiner, kiu, kun multe da paroloj kaj penoj, persiste kaj puŝante, kreis fokuson de nia afero en Aŭstrio, starigis la belan muzeon en Vieno, ja estas vere plendinda homo. Kvankam nin disigis opinio, ni hodiaŭ ne povas alie ol certigi lin de nia sincera partopreno en tiu ĉi terura seniluziiĝo, okazinta ĝuste je l' atingo de 60 jaroj ! Kio ajn disigis nin, ni rekonas lian grandan meriton. Lia nomo restas neforigeble en la libro de nia movado, kiel nelacigebla pioniro kaj penadanto.

Detalo koninda : S-ro Steiner proponis al kelkaj komitatanoj de UEA en 1936, ke oni transportu **la sidejon de UEA** al Vieno nomante lin Direktoro. Tion oni danke malakceptis ! Sed ne pro klarvido en la demando pri jura rajto kaj povo de UEA en Aŭstrio. Ne ! Oni jam antaŭe decidis, alie. La voĉdono estis nebone ludita komedio.

## La situacio

Plia lando estas perdita por Esperanto. Oni ne malpermesos la lingvon, sed nur la agadon organizitan. Antaŭvideble estas, ke kelkaj el niaj agemaj samideanoj devos forlasi la landon aŭ riskas malagrablaĵojn. Grava demando estas pri la Muzeo. Danĝero ne ekzistas supozeble en la momento, sed estos verŝajne, ke la luksan ejon ĝi ne plu havos. Sed konsilinde estas, zorgi pri ĝi antaŭ ol blinda fervoro decidos en maniero ne dezirinda.

Estas kun vera doloro ke ni vidas elfali el nia domo plian ŝtonon. En Aŭstrio, dank' al feliĉaj cirkonstancoj (ne laste ŝulditaj al S-ro Steiner) la movado trovis atenton en registaraj lokoj. Multon oni rajtis atendi. Al tiuj viroj en la registaro kiuj simpatiis al nia lingvo,kiuj subtenis nian klopodon, kaj kiuj hodiaŭ suferas, ni pensu kun dankemo kaj respekto. Ankaŭ ilin la neskribata historio de nia movado ne forgesos.

H. J.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-2

**SUBTENANTOJ DE UEA**

**La jenaj personoj bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1938 kaj per tio helpi al la Asocio : (Unua listo).**

**1. Generalo Ramboušek, Ĉeĥoslovakio.**

**2. S-ro J. De Maeyer, pastro, Belgujo.**

**3. S-ro Corrado Cerri, instruisto, Italujo.**

**4. S-ro Van Dijk, Nederlando.**

**5. S-ro Ŝapiro, Polujo.**

**6. S-ro G. H. Rotach, Svislando.**

**7. S-ro Bohuslav Trybenekr, Ĉeĥoslovakio.**

**8. S-ro Georges Stroele, Svislando.**

**9. S-ro Daniel Chagnoux, Francujo.**

**10. S-ro Joze Kozlevĉar, Jugoslavio.**

**11. S-ro Louis Bouvier, Francujo.**

**12. S-ro G. de Plançon, Svislando.**

**13. S-ro Branko Rajŝiĉ, Jugoslavio.**

**14. S-ro Chr. Kromzick, Nederlando.**

**15. F-ino A. H. I. van Vliet, Nederlando.**

**16. S-ro G. R. ten Burg, Nederlando.**

**17. S-ro Frant. Slavik, Ĉeĥoslovakio.**

**18. S-ro A. Veverka, Ĉeĥoslovakio.**

**19. Generalo Kyffin-Taylor, Britujo.**

**20. S-ro Ferd. Sprich, Svislando.**

**UNIVERSALA KONGRESO**

**La Komitato de UEA en sia lasta kunsido en Genève, decidis kunvoki Universalan Kongreson de Esperanto en Svislando por la jaro 1939. Pliaj informoj sekvos.**

# Pri la Jubilea Kongreso

En pasintaj numeroj ni informis la legantaron pri la pendanta afero inter la LKK kaj la Ligo. Dume ni ricevis jenan leteron de la Loka kongresa komitato :

Tre estimata Sinjoro Ĉefredaktoro,

Rilatante al nia letero de la 13-a de decembro 1937 al Internacia Esperanto-Ligo, kies kopion vi represis en « Esperanto » de la 15-a de februaro 1938, ni komunikas al vi — interkonsente kun S-ro generalo Bastien — ke intertempe la monafero inter LKK kaj IEL estis solvita jene :

IEL per voĉdonado rifuzis repagi al ni la retenitan parton de la kongreslicenco. Tamen prezidanto de IEL, S-ro Gen. Bastien, konsiderante la malfacilan situacion de la LKK de la Jubilea kongreso, persone donacis al nia kaso la sumon de anglaj L. St. 50/——, fariĝante tiamaniere la unua eksterlanda garantianto de la Jubilea.

Estante certaj, ke pro lojaleco vi ne rifuzos al ni, tre estimata Sinjoro Ĉefredaktoro, publikigon de tiu ĉi letero, ni uzas tiun okazon por danki vin refoje por la efika helpo de UEA al nia kongreso kaj restas.

samideane viaj

La Prezidinto de LKK
**B. B. Wyszinski**

por la sekretario ĝen.
**A. Lubliner.**

# Socio kaj Lingvo

## La Retoromanĉoj

**De Peider Lansel**

IV.

Neebla estas eniri tie ĉi en analizo detala de la literatura produktado de kvar jarcentoj, kiu tute ne estas ekskluzive religia. Ni indiku la 12 grandajn volumojn de la **Crestomazia** de Decurtins kaj je ĝia resumo en la « **Grundriss** » (Skizo) de Groeber, la 50 volumojn de la **Annalas**, la 25 jarkolektojn de « **Ischi** », je la « **Literatura historio** » de Rausch kaj speciale je la lasta volumo de P. Maurus Carnot. Nur preterflugante ni povas indiki je la bibliaj aŭ religiaj ludoj, komenciĝintaj inter 1500-1600, transprenitaj el la latina aŭ el la germana. Ek de la 19-a jarcento penetras eĉ en la plej ekstrem-situatajn valojn, moderna bloveto, vekas novajn ideojn, novajn bezonojn en lerneja sfero, en politiko kaj en la tuta publika vivo. El tio naskiĝis grandega nombro de lernej-libroj, de gazetoj, de almanakoj k.t.p. Ne forgesinde, ke precize en ĉi tiuj jaroj burĝonis la fortika branĉo de la moderna lirikapoezio el la antikva retoromanĉa trunko, kvazaŭpaŝanta florumita heroldo de la lingva renaskiĝo.

La Retoromanĉa, ĉu la **romontsch** aŭ la **tschalover** (de Tschell'ova t.e. « alia akvo ») de la Rejn-valoj, ĉu la **ladina** de l'Engadino kaj de la Valo Monastero, ne mankis altiri atenton kaj intereson de la scienculoj. La engadinano Joseph Planta, bibliotekisto de la Brita Muzeo, identigas en sia tezo de 1776, la romanĉan kun la « romanz » de la arkaika lingvo, uzita antaŭ pli ol mil jaroj kaj li bazis sian aserton sur la konata juro de Strasburgo de 842. La estonto konfirmu, ke tiu ĉi supozo de Planta ne estu tro malproksima de la vero.

Inter la mortintaj romanistoj mondfamaj, kiuj okupiĝis kun la Retoromanĉa devus esti citajaj post la jam nomita Ascoli, speciale Diez, Gärtner kaj Boehmer. El la filologiaj reserĉoj kaj konstatoj science pruviĝis : **ke la retoromanaj dialektoj formas kiel tutaĵo sendependan lingvan grupon,** same kiel la ceteraj novlatinaj fratinlingvoj. Vidu la resumon de Ascoli mem, en la « Enciclopaedia Britannica », kie li envicigas la ladinajn dialektojn sub tiuj, kiuj pli malpli distinge dependas de dialektformoj, **ne propraj al la itala,** per kio li do metas klaran apartigon inter la ladinaj kaj italaj dialektoj.

Oni devas bone prezenti al si, ke la ladinaj dialektoj de la reĝlando, dekomence estis en intima rilato kun la lombarda kaj veneciaj kaj ankaŭ kun la literatura lingvo — kiuj, kio estas logika rezultato ĉie, malbonigas la dialekton sub la preteksto ĝin civilizigi, perdis esenĉan parton de ilia speciale ladina karakterizo. Ĉi tiun fakton, elĉerpe pruvitan de Ascoli, ekskludas dekomence, ke la ladinaj dialektoj de la Reĝlando nun **ekstreme italigitaj,** povas esti lokigataj je sama nivelo kun la Retoromanĉa, kiu aliflanke, laŭ Ascoli **reprezentas la originan ladinan lingvo-trezoron plej puran.**

Por konvinkiĝi pri tio, oni nur bezonas konsulti la **Sach-und Sprachatlas** (Atlaso Lingvistika) de Jud kaj Jaberg. Profesoroj por romana filologio ĉe universitatoj de Bern kaj Zürich. Verko grandioza, en la stadio esti aperigota, kiu, sur ĉiu paĝo indikas la geografian etendiĝon de ĉiu unuopa vorto por la retoromanĉaj kaj italaj dialektoj de Svislando kaj de ĉiuj dialektoj en Italio.

Unuavide elstaras la nuntempaj limoj de la Retoromanĉa en Grizono. Ĉe la itala suda deklivo, ni konstatas la subakviĝon de la ladinaj parlaĵoj en la maro de la dialektoj lombard-veneciaj. Kio rilatas la romanĉan, oni ne malatentu, konsulti la aperintajn kajerojn de la distinginda « Glossaire des patois romands » (Vortaro de la dialektoj romandaj) redaktita de Profesoro Gauchat kaj de aliaj. Tio valoras ankoraŭ pli multe por la pli ampleksa « Atlas linguistique de la France » kiun ni dankas al la genia laboro, de alia sviso, filologo Gilliéron ( † 1926), Profesoro al la Ecole des Hautes Etudes. Sub la komprenebla rezervo de la diverseco ortografia saltas en okulon, la ofta konkordanco inter la retoromanĉaj vortoj kaj tiuj el la **pli malnovaj** francaj aŭ provencaj dialektoj. Povas esti konsiderataj kiel ĝemeloj fine, la Kataluna kaj la Retoromanĉa. Oni alvenas al la laŭŝajne paradoksa konstato, ke la dialektoj geografie plej distanciĝaj, estas plej parencaj inter si.

Puŝita inter du kolosoj lingvaj kiel la germana kaj la itala, la Retoromanĉa nature devis sperti ilian influon. Ĉi tiu de la germana lingvo montriĝis jam de la komenco tiom forta, ke oni povas diri, ke al la retoromanĉa teksaĵo, teksita dum la jarcentoj, oni liveris la vefton, la alia la varpon. **Germana materio, latina formo** aŭ inverse. La invadoj de la Alamanoj, militaj aŭ pacaj, (kiel tiu de Teodoriko) germanigis la retan areon, tiel ke jam en la naŭa jarcento, do pli ol mil jaroj, la Retoromanĉa limiĝas al la **Alta Retio,** proksimume laŭ la ampleksho de la nuna kantono de l'Grizonoj. (Daŭrigo sekvos).

## Pensoj

**de Giacomo Leopardi (1798-1837)**

*Nenio estas pli malfacile por trovi en la mondo, ol homon, kiu estas daŭre tolerebla.*

*

*Silentanto en societo nur trovas aprobon kaj laŭdon, se oni scias, ke al la silentulo ne mankas la necesa kuraĝo, nek la kapablo por paroli.*

*

*Por la kerno de l'objekto ĉiam la malplimulto havas pli bonan vidon por la surfaco la plimulto.*

*

*La homaro dividiĝas en du kampoj. Unu havas la potencon kaj la aliaj devas obei. Nenia leĝo, nenia progreso de la filozofio kaj de la etiko evitos, ke la homo apartenu al unu aŭ al la alia. Kaj tiel restos nenio alia por tiu, kiu povas elekti ke li elektu. Cetere tion ankaŭ ne povas ĉiuj kaj ne ĉiam.*

*

*Kiu kontraŭ la opinio de iuj antaŭdiris la finon de afero ĝuste, ne kredu, ke la kontraŭulo vid-al-vide de la sukceso praviĝos lin kaj diros, ke li estis pli saĝa ol li. Aŭ li neas la okazintaĵon aŭ li antaŭdirajon aŭ parolas de aliaj cirkonstancoj, ĉiuokaze trovas iujn kaŭzojn, per kiu li sin kaj aliajn konvinkigos, ke nur lia opinio estis bona kaj tiu de la alia falsa.*

# Tra la Esperantista gazetaro

## Infanoj sur tutmondo

Estas internacia revuo por Esperantistaj infanoj kaj junuloj. Ĝin redaktas samideano H. Bourguignon en Besse-sur-Issole, Dep. Var, Francujo. Plaĉe presita la lasta numero enhavas priskribon de rifuĝinta infano hispana, pro la simpleco rakonti travivaĵojn, vere kortuŝa.

## Radiestezia Gazeto

titoliĝas kvarpaĝa bulteno dediĉita al la popularigo de la radio-estezio. Ĝin eldonas Pierre Delaire, 63, rue de Patay en Orléans. Jara abono: 20 fr. fr. ,

## LA TRIBUNE Esperantiste

Organe national de Propagande

En sprita artikolo « Psychose nouvelle » (Nova psiĥozo) Maurice Duval analizas la situacion nunan kaj faras atentindan konkludon. Simpatia artikolo pri UEA verkita de D. Chagnoux.

## Per Unuigitaj Fortoj Ĝenerala Revuo de la Esperanto - Movado

Jen nova batalanto por unuecigi la disigitajn fortojn de la neŭtrala movado. Redaktas ĝin M. Movo [M. Wittenberg] eksdirektoro provizora de U.E.A. Adresaro 84, Rue Jullien, Paris-Vanves.

## HELENA ESPERANTISTO

la revuo de la grekaj Esperantistoj, redaktita de pioniro D-ro Anakreon Stamatiadis en Ateno, publikigas interalie serion de artikoloj pri la greka historio. Pri la nomo de la popolo, ĝi skribas :

*Fine estas konate, ke nia lando portis sinsekve diversajn nomojn: « Pelasgia », « Ahaia » kaj fine « Hellas ». Tiun ĉi lastan ĝi ricevis el la plej ĉefa gento, la Helena, el kiu devenas precipe la nuna Helena popolo. La antikvaj Romanoj tamen estis nomintaj nian landon « Græcia », el la nomo de Grækes, tribo de Ilirio, ĉar tiu ĉi lasta estis la unua, kiun ili estis renkontintaj kaj konintaj. Sed, kiel ni jam havis la okazon pritrakti en antaŭa artikolo Helenoj perceptas ĝenerale malagrablan senton, kelkfoje eĉ indigniĝas, kiam pro tiu malĝusta, sensenca kaj stranga historia eraro oni nomas ilin « Grekoj » kaj ilian patrolandon « Grekujo », anstataŭ « Helenoj » kaj « Helenujo » (tiu ĉi lasta landlingve nomata « Hellas »). Estas do dezirinde, por ne diri konsilinde, se fremduloj (komencante per niaj alinaciaj Samideanoj) sin turnante, skribe aŭ parole, al la posteuloj de Helenoj kaj al ilia lando fuŝuzus la nomon nek de la unua nek de la dua. La ĝusta nomo por nia lando estas « Helenujo » (« Hellas ») kaj tiu de niaj samnacianoj « Helenoj ».*

Ni antaŭvidas, ke ankaŭ esperantistoj de aliaj landoj kun du malsamaj nomoj, preferas en internacia lingvo, la sian. Ni do povas antaŭvidi formojn : Madjarujo, Dojĉujo, aŭ Dojĉlando, Suomio kaj aliajn ! En la plimulto de la eŭropaj lingvoj, la radiko uzata estas *grek'* variante nur laŭ ortografio. Ĝis nun oni distingas : Helenoj : tribo antikva de Hellas; Grekoj : nuntempaj nacianoj de Greklando. Dilemo ne solvebla alie, ol per submetiĝo al formo internacie pleje konata.

## SENNACIULO

Oficiala organo de SAT, dissendis kun la numero de Februaro la nunan Jarlibron. El noto ni vidas. ke la gazeto estas malpermesita en jenaj landoj: Bulgario, Germanio, Italio, Hungario, Litovio, Portugalo, Rumanio kaj en... Sovetio. En la Jarlibro troviĝas utila « Dataro de la E-Movado » kun citoj de okazintaĵoj en la sennacieca movado.

Malgraŭ supraj baroj, la gazeto eldoniĝas je 6300 ekz., kio pruvas la komprenon inter klasbatala esperantistaro pri la postulo de la nuntempo.

## Ĝis mil

estas monata bulteno de l' Universitata Esperantista Klubo en Lyon, aperanta jam kvinan jaron, ciklostile presita, bone redaktita kaj plaĉe prezentita. *Ĝis mil* anoj estas la batalkrio de l'UEK, kaj la klubo efektive kalkulas jam kvincenton da membroj. El Februara numero :

Oni rakontas ke, en la unuaj tempoj de Esperanto, kelkaj entuziasmaj samideanoj kunvojaĝis sur ŝipo al kongreso kaj, varmigitaj de agrabla kunestado, esprimis plenfidajn esperojn pri la estonto de la helpa lingvo. « Baldaŭ ĉiuj komercistoj devos lerni Esperanton », diris unu. — « Kaj la sciencistoj ! diris alia, Esperanto estas por ili nepre necesa ». — « La laboristoj, diris tria, grand-nombre lernos Esperanton por internacie kompreniĝi ». — Subite eksonis profunda, iom ironia voĉo (se mi ne eraras, ĝi estis la voĉo de Kabe). — « Unue la Esperantistoj lernu Esperanton ! » Per tio li volis diri, ke multaj Esperantistoj ne sufiĉe korekte kapablas uzi la lingvon.

Tiu maldolĉa rimarko ĉiam revenas en mian memoron kiam mi aŭdas Esperantistojn prediki (aŭ kiam mi mem predikas) pacon kaj interkomprenadon inter la popoloj.

Ironia voĉo susuras en mian orelon « Unue la Esperantistoj efektivigu la pacon inter si »

Ni varbas kaj propagandas. Ni oferas nian tempon, niajn fortojn por altiri en niajn rangojn novajn samideanojn. allogitajn de nia « interna ideo ».

Kaj apenaŭ esperantigitaj, ili aŭdas nur pri disputoj, kvereloj, venĝemo, malamo, ĵaluzo, k.t.p.

Iu el niaj amikoj, kiu ne estas esperantisto, sed bone konas la medion, diris al mi ke povas veni — post verŝajne longa tempo — epoko, dum kiu ĉiuj homoj sur la tero vivos frate, sen diferenco pri nacieco, raso aŭ religio. Sed li pensas ke eĉ dum tiu epoko postrestos grupo de homoj kiuj ankoraŭ disputos kaj kverelos : la Esperantistoj...

Samideanoj atentu ! Per niaj kvereloj kaj dividoj ni-mem pruvas al la mondo mirigita ke Esperanto ne estas instrumento de paco, ke nia « interna ideo » ekzistas nur sur la papero.

Antaŭ ĉio, antaŭ ol diri al la ekstera mondo « Venu al ni ! » ni devas unue meti ordon kaj pacon en nian propran movadon.

Ĉu ni tion kapablas ? Se ne, ni ne rajtas prediki ordon kaj pacon al la aliaj.

Nun tempe, la Esperantistoj nur laboras unu kontraŭ la aliaj. I. E. L. penas por sufokigi U. E. A. Reciproke, pluraj francaj grupoj rifuzas aliĝi al S. F. P. E. aŭ forlasis tiun asocion, kiun ili konsideras kiel la grandan respondanton de la skismo I. E. L. — U. E. A. kiu dividas la Esperantistaron en du malamikaj armeoj.

Kaj tiuj grupoj jam projektas fondi novan nacian esperantistan asocion. La titolo estas elektita : Franca Esperanto Asocio. La statutoj estas pretaj.

Ĉiam divido, nur divido ! Ĝis kien ni iros tiun vojon ?

Ĉie la esperantista « popolo » komencas senpacienciĝi.

Nia Klubo kunigas la voĉojn de siaj 500 membroj por krii al la tutmonda esperantistaro: « Sufiĉe! Haltu ! For la batalilojn ! La esperantista movado devas serioze kaj fruktodone organiziĝi. I. E. L. kaj U. E. A. devas unuiĝi. Ĉiuj Esperantistoj devas frate kunlabori ! »

Por helpi al la efektiviĝo de tiu unuiĝo, ni ĵetas niajn 500 membrojn en la pesilon, kaj solene promesas aliĝi al tiu unuiĝo, kuniganta ĉiujn esperantistojn en sincera kaj efika kunlaborado.

Sed ĝi devas fariĝi rapide. Ni ne volas, ke oni pli longe nin lulu per belaj deklaroj sen reala sekvo.

La venonta Universala Kongreso en London estas bona okazo por proklami la reunuiĝon de la Esperantistaro.

Ĝis tiam ni atendos. Poste... ni turnos nin aliloken kaj eble naskiĝos la F. E. A.

Esperantistoj, kiuj volas la pacon, kunigu vian voĉon al la nia.

Niaj alvokoj fariĝu supre potencaj, por ke la eminentaj gvidantoj de la Esperanto movado ilin aŭskultu kaj konvinkiĝu pri la neceso forlasi ĉiujn kverelojn de nun labori laŭ la nobla idealo al ni instruita de Zamenhof.

Richard LEVIN.

*Por la paco en esperantujo* (Dezir-esprimo unuanime akceptita de la Ĝenerala Jarkunveno).

La L. U. E. K. konsiderante la bedaŭrindan situacion, kaŭzitan de la skismo I. E. L. — U. E. A., dezirespriimas, ke la 2 organizoj akordiĝu kaj unuiĝu.

Solene promesas, se tiu deziro okazas antaŭ 6 monatoj, aliĝi al tiu sola internacia organizo.

Se tiu deziro ne estas realigita dum la venonta internacia Kongreso, la L. U. E. K. denove agos libere.

## The British Esperantist

Estas la plej malnova regule aperanta esp. periodaĵo nacia fininta en 1937 sian tridekan jaron de ekzistado. La solida aspekto de tiu ĉi revuo ĝia sobra enhavo, respegulas la britan memcertecon, kiu ja mankas sur la kontinento. La Marta numero enhavas la jaran raporton de la Brita Esperantista Asocio, sendube la plej fortika kolono de la neŭtrala movado. Kaj malgraŭ progreso en multaj rilatoj, ankaŭ la raportinto konstatas malkreskon, en la stato de la membraro. La jara perdo atingis 449 L. St., malaltigitan per garantioj ĝis 228 L. St. La librovendo. signo de prospero, notis vendon por L. St. 1253, t. e. pli ol 25.000 Fr. sv. bonega rezultato. Multon oni atendas de la nunjara kongreso en Londono, kiu jam indikas pli ol 900 aliĝojn.

## Literatura Mondo

Ampleksa kajero, tiu ĉi lasta numero 6, riĉa enhavo kaj tre varia. Sub « Observo », rubriko kiu vere respondas al ĝia nomo, troviĝas ĉiam interesaĵoj plej diversaj, jen seriozaj, jen anekdotaj legitaĵoj. Pri Talleyrand oni skribis tiom multe, ke oni sin demandas, ĉu li eble fariĝis tipa por homa akreco. Jen plia karakterizaĵo :

Talleyrand konis bonege ne nur la virinojn, sed akre li konis ĉiujn, kiujn li renkontis. La tuta vivo estis aranĝita laŭ tiu ĉi kono. Se li ekzemple havis gastojn li havis certan riton de la manĝpropono. La plej gravajn, proksime sidantajn gastojn li instigis jene :

« Ĉu vi honorus min per akcepto de tiu ĉi peco de bovoviando ? »

Al tiuj kiuj sidis ĉirkaŭ la mezo de la tablo, li parolis jene :

« Ĉu vi deziras iom da bovoviando ? »

Ĉe la ekstremo de la tablo oni aŭdis nur lakonajn vortojn :

« Bovo ! Prenu ! »

Sur la mortlito Talleyrand ricevis punon por la malicaĵoj de lia tuta vivo en formo de malagrabla, malica spritaĵo. Ludoviko Filipo, la reĝo vizitis la mortanton al kiu Talleyrand jene plendis :

« Mi suferas, Reĝa Moŝto, kvazaŭ la flamoj de la infero min bruligas ».

Kaj la reĝo respondis nur tiom: « Kio ? Ĉu jam ? »

## Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42, Mukaĉevo, Ĉ. S. R.

## LA VIPO

« La Vipo » malfruas. Tiel sin anoncas la tria numero de la satira gazeto. Nu, vipo ne malfruiĝu en sia agado. Ĝi batu tuj, tuj !

Legu kaj ridu :

Estis en la kriza tempo, kiam UEA post la fama organiza duiĝo kalkulis 1.300 membrojn anstataŭ la ĉiam aspiritaj 10.000.

Dum pluvego, torente falante de ĉielo, ekskomitatano de UEA s-ro Ŝtonulo, okaze troviĝinta en Ĝenevo pro siaj ŝtatgvidistaj aferoj, rifuĝas en la pordegon de la palaco de Ligo de Nacioj, kien translokiĝis UEA.

Uniformita pordisto diras al s-ro Ŝtonulo, ne rekonante lin malgraŭ lia mondfameco :

— Bonvolu eliri ! Tie ĉi oni ne rajtas stari !

S-ro Ŝtonulo rigardas lin kun malŝato kaj indigno :

— Tia aroganteco... havante nur 1.300 !...

*

Dum la Jubilea en Varsovio certa fervora IEL-ano kaptis alian ne malpli fervoran UEA-anon. Ambaŭ komencas paroli pri la organiza demando. Post momento ili ekscitiĝas. La paroloj fariĝas ĉiam pli « elkoraj ». Unu superŝutas la alian per riproĉoj, pruvoj, onidiroj.

Ĉirkaŭ la malpacantaj du malsamideanoj amasiĝas ĉiam pli da kongresanoj aŭskultantaj kun intereso la diskuton.

En certa momento iu nova, freŝbakita Esperantisto, staranta tute malantaŭe, en la lasta vico de la aŭskultantaro, krias :

— Insultu pli laŭte ! Oni nenion aŭdas tie ĉi.

*

Famekonata kuracisto, d-ro R. estas tre distrita. Precipe li forgesas pagi la kotizojn al Esperantaj organizaĵoj, abonojn al Esperantaj gazetoj ktp. Pro nura distreco.

Ian tagon venas al li pacientino, kiu plendas pro manko de infanoj.

— Ĉu via patrino havis infanojn ? — demandas la kuracisto.

— Kiel do, sinjoro doktoro ?

— Vidu, estas ja eble, ke tiu manko ĉe vi estas hereda...

*

Du amikoj renkontiĝis. Unu estas maljuna fraŭlo. Alia — vidvo, patro de ok infanoj.

— Kiel vi fartas ? Kion faras viaj infanoj ?

— Dankon ! La plej aĝa filo estas diplomato, la dua ankaŭ estas idioto. La tria estas bankisto, la kvara ankaŭ jam sidis en malliberejo. La kvina estas redaktoro de gazeto, la sesa ankaŭ ne finis lernejon.

— Kaj la filinoj ?

— La pli aĝa estas fianĉiniĝinta. La pli juna ankaŭ estas graveda.

# Literaturo

## Kuniklo la eta

### Fantaziaĵo en trisilaba versritmo

### de J. Middelbeek

La suno ĝin kise karesas.

Kaj longaj oreloj moviĝas dum dolĉan verdaĵon maĉ-maĉe muelas la dentoj de l'eta kuniklo. Dancadas nazeto kaj brilas gardeme senpekaj okulspeguletoj.

Jen, floro purpura, ho, kia odor' — trifolio ! Ne povus pli bone.. Maĉ-maĉe ĝi malaperigas la dolĉan... trunketo postiras... hup, for jam, internen ; la lango lekante gustumas la sukon kaj flare nazeto alian jam serĉas...

En blua senfino jubilas alaŭdo, la vento fabelon zumzumas ; transvelas la nuboj la grandaj la blankaj, reveme sin ŝanĝas dum ludo senbrua : kastelo fariĝas montaro, el dika kerubo ekkreskas leono kaj dio idola kun bukloj sovaĝaj ekkaptas rapidan knabinon...

Kuniklo la eta ne scias, rezonas sed ĝuas dolĉecon printempan ; ĝi sentas la sunkison, aŭdas la venton kaj ĝia koreto tik-take frapetas dum spire moviĝas la flankoj.

Plen-plena la ventro : hup, hup ĝi eksaltas, gracie, facile, rapide. Arbaron ! Loĝejo subarba atendas kaj idoj lanugaj la lakton patrinan. Idetoj ! Kuniklo ne scias, rezonas sed sentas la dolĉan misteron de'l vivo : Idetoj, idetoj ! Nun hejmen !

Oh, kio ? ĉekole ĝin kaptas Teruro kaj tranĉas la spiron. Perfido ! Ho eta kuniklo saltado ne helpas, kaptil' sufokiga vin tenas, ekmurdas. La kor' kiel ajn marteladu ĝiskreve, muskolojn vi streĉu per fort, malespera, ja vane ! tro certe kalkulis racio ! Ne tiel baraktu, ne kriu gargare, ja vane, vi eta kuniklo !

Alkuras jam homa giganto kaj klinas sin, kaptas permane vin, eta. Ho, kiel nun tremas la varma korpeto, ho kia angor' en la brilaj okuloj. Sed ne la murdisto kun « homa racio », nur Homo sentanta ĝin tenas.. per fingroj tremantaj la draton forigas, momenton karesas brulvarman kapeton kaj poste — he, kio ? ĉu eble ? ĉu vere ? — ĝi saltas, sovaĝe saltegas, hup, foren ! Dum pluen vagadas la homo, kun larme radia rideto, la eta jam glitas subarben kaj treme — la koro ankoraŭ martelas — eklekas, dorlotas la idojn. Eksuĉas buŝetoj la lakton patrinan... profunde ŝi ĝemas... la kapon mallevas... Nun supre la vento fabelon zumzumu kaj gardu la arbo responde flustranta la dorman ripozon, la sonĝon patrinan de'l eta, senkulpa kuniklo.

## Mens sana in corpore sano

Tiu ĉi bela frazo, noble pensita, altigita per la klasika latino, ripete citata, ne plu faras plezuron. Verŝajne, ĉar ĝi estas netaŭge formulita. La tuta pezo de la frazo troviĝas en *corpore sano*, dume oni rapideme malaŭskultas *mens sana*. Kaj *mens* ankaŭ ne sonoras tiom forte kiel *sana*. Kaj *corpore*...

Saneco estas grandioza. Saneco estas mirige mirinda. Ŝlosilo por ĉiuj belecoj de la tero. Fiero de ĉiuj, kiuj ĝin posedas, Sopiro de ĉiuj, kiuj devas batali pro ĝi. Sanaj infanoj, sana juneco estas plej bela celo.

Por la idealo de l'korpo oni plenumas mirigajn aferojn. Gimnastiko, sporto, ludoj por ĉiuj... konkursoj por forto kaj ŝtala persisto, sana nutraĵo, sana haŭtflegado. La aĝlimo estas plialtigita, oni vidas ĉiam pli multe da homoj ŝajnante junaj kaj neelĉerpitaj kaj ĉiam malpli da pli-aĝaj. Se ne ekzistus tiom da aliaj kaŭzoj malaperi de tiu ĉi mondo, rapide malaperi, (finfine la tekniko ja evoluiĝis grandioze) oni devus pensi: la homaro estas je la plej bona vojo prezentiĝi kiel Olimpo.

Ni spiras sane, ni gimnastikas sane, ni trinkas ni manĝas sane, ni saltas, ni luktas, ni ripozas, ni fastas sane. En la kino ni vidas la belege sanan junularon de ĉiuj ŝtatoj kun riĉdotitaj fundoj de propagando. La malpli aŭ tute ne sanan junularon oni ne fotografas (escepte se ĝi apartenas al kontraŭa direkto de mondpercepto).

Ĉiuokaze oni faras ĉion por disvastigi la idealon de la sana korpo.

Momente flankstaras la zorgo pri la sana animo, la « mens » sana.

Estas kulturata, terurige sana junularo por plenumi sur tero, sur akvo kaj en la aero, per plej granda heroismo, malheroaĵn agojn. En multaj landoj oni sisteme agas kontraŭ kredo, scio, kontraŭ meditemo. Anstataŭ tio oni predikas forton kaj sanecon. Gepatroj, kies infano estas vidata kun libro, parolas volonte de « eta ĉambrulo ». For, for, en la aeron !

La sana junularo disponas je periodaĵoj en kiuj estas montrataj tuta skalo de kriminalistaj eblecoj. Gangster-literaturo de plej granda formato vibrigas la fantazion. Sub la devizo « Politiko » oni vipas la sentimentojn. Sonantaj frazoj flugas tra mikrofonoj, por entuziasmigi milojn. Junaj kapoj facile ebriiĝas je tiu ĉi malmultekosta vino,

Kelkfoje io teruriga : Memorigo... se infanoj alvenas eĉ ĝis la politika murdo... La sennombraj animaj murdoj pasas nerimarkite.

Malsanaj animoj en sanaj korpoj. Kaj oni ektimas ofte, sin demandante : pro kio do tiom da saneco ? Ne estas ĉie la sama stato. Sed la aĉa senvalora literaturo heroeca superakvigas la landojn. La vorto « paco » ricevis sonon sensencan. Ĝi ricevis la guston de valeriangutoj. Kion signifas al infanoj la vorto « paco » ? Nenia ago nenia ekscito, nenia tensio. Kiel ebliĝos, klarigi al ili la teruran miskomprenon — montri al ili la sencelecon de la milito kaj la heroecon de la paco ? Post tiom da kuraĝo por la morto, kulturi la kuraĝon por la vivo ?

Estas al la virinoj plenumi tie belan rolon — se ili kapablus pensi je si mem. Ke ili eduku la infanojn sane kaj gaje. Sed ankaŭ la animo bezonas gimnastikon, same kiel la korpo. Oni devas ekzerci: Sin esplori kaj aŭskulti sin. Lerni minutlongan nenionfaradon. Ne nur legi revuojn, sed ankaŭ librojn, malnovajn librojn, eternajn librojn kaj novajn librojn, Eble oni devus rezigni je kelkaj ekzercoj gimnastikaj. Sed ni ja iĝis dumtempe tiom sanaj.

Por la sana korpo ree devas esti konstruota la sana animo. Estas urĝa tempo.

Anita.

## Serba proverbaro popola

*Analfabetuloj estas blinduloj ĉe la okuloj.*

*Bonhumoro — orvaloro.*

*Popolo estas kvazaŭ nubo : iun fruktodone ĝi rosigas, iun mortodone ĝi falĉigas.*

*Sidu kurbe, sed parolu rekte !*

*Se ni estas fratoj, niaj monsaketoj ne estas fratinoj.*

*La edzo estas kapo de l'domo, kaj la edzino koro de l'domo.*

---

## Argentino

La 2-an de januaro 1938 « **Esperanto-Centro Argentina** » festis la unuan datrevenon de sia fondotago. En ĉi okazo, se ni rigardas malantaŭen sur la jus finitan vivjaron, ni povas nur ĝoji pro ĝia konstanta kaj esperiga progresado. Jen ĝiaj plej gravaj stadioj.

La 25-an de Majo — Festotago de nia Patrio — la subskribintoj de ĝia fondoakto kunsidis en la provizora sidejo de ECA por aprobi ĝian statuton kaj elekti ĝian direktorion, kies « Faktoroj » estas samideanoj S-ro A. López Luna, S-ro Daniel Quarello kaj D-ro J. A. Quiña González.

Jam la 12-an de Oktobro — feston de l' Raso kaj Malkovro de Ameriko — inaŭguriĝis la definitiva sidejo de ECA sur la strato GALLO 1106, kie ĉiujn jaŭdojn kaj sabatojn vespere ni atendas la UEA-anojn travojaĝantajn nian ĉefurbon por fari al ili familian akcepton.

Ne multe poste S-no Inĝ. Hugo J. Ceretti, prezidanto de « Esperanta Asocio » kaj « Esperanta Radio-Centro », direktoro de l' hispana-Esperanta revuo « **Internacia** », el Rosario (Argentinio) faris al ni agrablan viziton. Nia Direktorio oferis honoran membrecon de ECA al inĝ. Ceretti « pro liaj konstantaj entreprenoj esperantismaj », kaj li bonvolis akcepti, tiel farinte al ni grandan honoron.

En la kuro de l' pasita jaro, ECA-Direktorio prenis du rezoluciojn kiuj sendube interesas la UEA-anojn. La unua tekstas jene : « Akorde kun jam malnova deklaro de **Universala Esperanto-Asocio**, el Ĝenevo, rekoni ke la plej grava jarsoleno de l' tutmonda esperantistaro estas **la 15-a de Decembro** naskotago de Zamenhof (1859) kaj festo pri l' apero de l' « Unua Libro » de D-ro Esperanto (1887). « La dua estas : « Sub la nomo « **Varboservo por U.E.A.** » fondi apartan fakon kiu flegas la interrilatojn de niaj anoj kun la plej grava esperantista organizo universala ».

Kaj ĉi tie ni volas kapti la okazon por rekomendi al ĉiuj esperantistoj kaj organizajoj memvolan kaj propran aliĝon al UEA anstataŭ fari piajn petojn pri reunuiĝo, kaj senbedaŭre lasi flanke la kulpulojn je dissiro de l' internacia Esperantismo.

Ĉiufoje kiam la itala ŝipego « Conte Grande » tuŝas nian havenon, Patrulo Profesoro Agostino Stellacci, kapelano sur tiu ŝipo ĉe kies « mar-postlaboro » li faras Esperanto-kurson, vizitas afable nian ejon. Ankaŭ al li nia Direktorio oferis honoran membrecon de ECA « pro liaj kunligaj servoj inter la esperantistaj organizoj de tri kontinentoj ».

Sub la aŭspicio de ECA, samideanoj S-roj Daniel Quarello kaj A. López Lune plenumis Esperantan tradukon de « Les iles Malouines » de Paul Groussac el la franca originalo en komparo kun la hispana traduko en oficiala eldono de l' Argentina Registaro. Ĉi verko aperos baldaŭ por demonstri al la esperantistaro la suverenajn rajtojn de Argentinoj super tiu arkipelago nun potencata de Anglio, kiu senrajte kaj perforte ĝin posedprenis antaŭ pli ol centjaro.

Por fini nian mallongan kronikon ni devas ankaŭ diri ke ĉe nia urba universitato jus doktoriĝis en medecino nia sigelestro, S-no J. A. Quiña González, kiu entreprenis serion de radi-paroladoj antaŭ la mikrofono de l' ĉefaj dissend-stacioj en nia ĉefurbo.

Baldaŭ okazos Esperanto-kurso en nia Asocio, kies membraro plinombriĝis en sekura formo.

**Informo-servo de Esperanto-Centro Argentina » (Buenos Aires).**

## Bulgario

XXV-a Jubilea Kongreso de la *bulgaraj esperantistoj* okazos en la pitoreska verda urbo Sevlievo, la 16-18 Julio. Ekskursoj en la fama montaro Balkano. Informojn kaj *ilustritan gvidfolion petu* senpage ĉe la delegito de UEA, S-ro Simeon S. Hesapĉiev, Gimn. Prof., Sevlievo, Bulgarujo.

Zorge arangota esperanta ekspozicio. Helpu nin, samideanoj el la tuta mondo, sendante al ni librojn kaj ilustritajn poŝtkartojn por la ekspozicio.

N.-B. — En Bulgarujo la vivo estas malmultekosta por okcidentanoj.

## Flandra Ligo

Je la Pentekostotagoj (4-5 kaj 6 Junio 1938) okazos en la mondfamkonata kaj mezepoka arturbo Brugge (Belgujo) la 9-a Flandra Kongreso Esperantista.

La Kongreso estos ega sukceso ĉar la programo enhavas i.a. : Vizitado de la mezepoka urbo kun ĝiaj belegaj malnovaj preĝejoj kaj aliaj konstruaĵoj ; kun ĝiaj mondfamaj muzeoj kun pentraĵoj de Van Eyck kaj Memlinck ; kun ĝiaj multaj kanaloj kiuj donis al ĝi la nomon de « Venecio de la Nordo ».

Ankaŭ artvespero, sonorilarkoncerto, sportfesto (piedpilk- kaj aliaj ludoj, balo, sekciaj kunvenoj kaj ekskurso al mezepoka Dame estas sur la programo. La geesperantistoj kiuj dezirus partopreni la Kongreson estas petataj senprokraste pagi la kotizon pere de P-konto 4407.30 je nomo de Maria Vincke, kongresa kasistino.

Por pli da informoj skribu al Kongreskomitato al jena adreso : « Sekretariejo de l' kongreskomitato, Komvest 70, Brugge (Belgujo). La kotizo estas 3 belgoj — (por anoj de Flandra Ligo Esperantista 2,40 belgoj).



## Radiesteza gazeto

Direktoro-Fondinto : S-ro Pierre Delaire, 63 rue Patay, Orléans. Abonoj (1 jaro) : Francujo, 15 fr. Aliaj landoj, 20 fr. fr (aŭ 12 internaciaj poŝtaj respondkuponoj).

Tiu monata gazeto kompletas plej bone la esperantlingvan tradukon de la verko de Emile Christophe. Ĝi efektive kreas konstantan ligilon je la servo de la ĉiulandaj esperantistaj Radiestezistoj.

Petu senpagan provnumeron. (Aldonu, por la poŝtelspezoj, unu internacian poŝtan respondkuponon).

## Islando vokas vin !

La gekursanoj de esp-deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj. Sin turni al la kursgvidanto : S-ro Krestanov en *Reykjavik*, Islando.

## Atentu !

En la komenco de Februaro n.j en la norvega ŝipo « Lyra » veturanta de Bergen kaj alveninta en Rejkjavik la 7.II. 1938, okazis rabo de unu poŝtsako kun 74 rekomenditaj, 4 valoraj kaj 20 ordinaraj leteroj. La rabinto elprenis la monon kaj ĵetis la leterojn en la oceanon. La esperantistoj, kies leteroj eventuale troviĝis en tiu malbonŝanca sako, rajtas kompenson per la lokaj poŝtoficejoj. Kaj ne miru, se iliaj leteroj'restos sen respondo.

**Ivan N. Krestanov, Rejkjavik (Islande).**

## Poŝtmark-interŝanĝo

S-ro Mićé Marinović, lernanto de klasika gimnazio, filo de delegito de UEA, en Badija, (Korĉula) Jugoslavio, Dalmacio, dez. interŝanĝi PI kaj PM kun ĉiuj landoj.


**Fondinto : H. Hodler, † 1920**

**Redakcio : Genève.**

**Red.: Provizora Komitato de U E A**

Presis : Granchamp, Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)

Dato : 15 Marto 1938